Jaro III/VII. N-o 6 (30) Marto 1926

# Sennacieca Revuo

Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda

Fondita en 1919

## Literaturo - Scienco - Pedagogio

ENHAVO:



Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo I (USSR)
Administracio: Rich. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig O 27 (Germ.)

# REDAKCIA ANGULO

Pro kulpo de la Redakcio, troŝarĝita de flankaj zorgoj, kiuj tamen ĉiuokaze celis bonprosperadon de nia proletaria Esperanto-movado, — tiu ĉi n-o de „Senn. Revuo" aperas kun ioma prokrasto. Per frua aperigo de la sekvonta (aprila) n-o ni penas nun korekti tiun ĉi malagrablan mankon, por estonte ne plu ĝin ripeti. Sinsekva, seninterrompa apero de la marta kaj aprila n-oj plene restarigas la necesan aktualecon, kaj "Senn. Revuo" estonte ricevata regule en komenco de ĉiu monato estu ĝustatempa kaj dezirata gasto al nia tuta legantaro.

Kuna aperigo de la marta kaj aprila n-oj havis ankaŭ alian motivon. Laŭ nia projekto, ni intencis la martan n-on fari speciale virin-tema, pro la internacia festo de proletariaj virinoj la 8-an de marto. Sed la materialo privirina venis en kvanto multe pli granda, ol por unu kajero de nia revuo. Tial ni decidis disponigi du kajerojn por la virinoj, por ne prokrastigi tre taŭgajn artikolojn ĝis malproksima tempo kaj por elĉerpi la temon laŭeble plej komplete. Ni kredas, ke nia legantaro ne estos malkontenta pri tia aranĝo.

Tie ĉi ni havas oportunan momenton por demonstri unu tre interesan fakton, kiun niaj kunlaborantoj bone atentu. Ni parolas pri artikoleto de k-do Haschke "Pri la modaleco de l' virino", presata en tiu-ĉi n-o. Jam en februaro 1924 ni anoncis, ke ĝi estas akceptita por preso. De post tiu tempo pasis jam pli ol du jaroj, kaj nur nun prezentiĝis finfine konvenaj loko kaj tempo, por ĝi. Pli ol du jarojn ĝi kuŝis en rezervo, antaŭ ol venis ĝia vico!

Estu tio evidenta ekzemplo al niaj malpaciencaj aŭtoroj, kiuj komprenu, ke ĉiu afero havas valoron nur en la ĉeno de interligitaj faktoj. Ekster normala koincido kun objektiva konjunkturo ĉiu ajo atendu sian tagon. Kaj ĉiu estu preta kaj antaŭpreparita por la horo, kiam la vivo ĝin vokos.

Nia sekvonta speciala numero — estos la maja. Por ĝi ni ricevis jam kelkajn manuskriptojn, nome el Germanio, Hungario kaj Svedio. Sed kial silentas aliaj landoj? Ĉu en ili tiu tago ne ekzistas por laboristaro? Aŭ eble la unuamajaj sentoj kaj travivaĵoj ne respeguliĝis en literaturaj verketoj. Ni havas ĉiujn rajtojn por dubi pri tio. Necesas, ke vi, kamaradoj, trarigardu literaturon de via lando — ni estas certaj, ke vi trovos ion, kio bone taŭgos por nia maja kajero. Neniu prokrastu, ĉiu rapidu sendi la materialon por tiu numero.

LA REDAKCIO.



# VIRINO DE LA PARIZA KOMUNO

*A. I. MOLOK*

Dum la lastaj tagoj de la Komuno Felix Pia skribis en sia ĵurnalo ("La Venĝanto", 24. majo 1871): "Mi vidis tri revoluciojn, sed mi unuafoje vidas, ke la virinoj, virinoj kaj infanoj estis ĵetantaj sin al ĝi kun tia decideco. La okazanta revolucio, evidente, pli ol ĉiuj antaŭaj, estas proksima por ili; defendante ĝin, ili batalas por sia propra estonteco." Kaj plie: "La komunala revolucio estas sociala en plena senco de tiu ĉi vorto. Kial? Ĉar ĝi proklamas rajton je laboro... La kristanismo vidas en la virino ne tiom edzinon, kiom sklavinon; kaj nur la socialismo povas garantii al ŝi ĉiujn rajtojn, liberecon kaj dignon... Sentante tion ĉi instinkte, ili (la virinoj) prenas la pioĉon kaj konstruas la barikadojn por poste defendi ilin kun pafilo en la manoj..."

"Ili komprenis," — parolas Benvi Malon ("La tria malvenko de la franca proletariaro", Neuchatel 1871, p. 272): — "ke kunagado de la virino necesas por triumfo de la sociala revolucio, enirinta sian batalperiodon; ke la virino kaj la proletario, tiuj ĉi lastaj premitaj tavoloj de la malnova socio, povas esperi al sia emancipo, nur dense kuniĝante kontraŭ ĉiuj formoj de la pasinteco..."

"Neniam antaŭe," — parolas A. Arnou en sia "Popola historio de la Pariza Komuno": — estis farite tiom multe, por superigi la virinon, neniam antaŭe ŝi estis starigata pli decidite sur egalan nivelon kun la viro... Neniu registaro, neniu revolucio tiel sincere frate etendis manon al la virino, kiel la Pariza Komuno, la sociala revolucio de la 18-a de marto".

En tiu ĉi tempo Parizo estis kaptita de tia granda pasio al libereco, rajto, justo, ke la virinoj batalis samvice kun la viroj.

La 11-an de aprilo 1871, laŭ iniciato de grupo de civitaninoj (un groupe de citvyennes) okazis unua organiza kunveno de Centra

Komitato de la Civitaninoj. En ĝi estis diskutata problemo pri kreo de regionaj komitatoj, kiuj devis okupi sin pri organizo de "regularaj taĉmentoj por servado en kampaj hospitaloj, aŭ rotoj pretaj en minuto de ekstrema danĝero — okaze, se la malamiko enŝirigos Parizon — konstrui barikadojn kaj batali sur ili kun tiuj el niaj fratoj, por kiuj la komenciĝinta batalo estas demando de vivo aŭ morto" ("Oficiala Ĵurnalo", 14. aprilo 1871).

La Centra Komitato energie komencis labori kaj dum unu monato (de la 11-a de aprilo ĝis la 14-a de majo) sukcesis fari 24 publikajn kunvenojn en ĉiuj regionoj de Parizo... La urbon kovras reto da virinaj organizaĵoj: apude kun la regionaj komitatoj (comités d' arrondissement) — filioj de la virina asocio, — aperas "gardokomitatoj" (comités de vigilance) kaj multenombraj bonfar-societoj, kiel "Societo de la solidareco de la virinoj de VI-a regiono", "Komitato de la bonfarantinoj", Respublika komitato de la XII-a regiono" por batalo kontraŭ latenta mizero "La Krio de l'Popolo", 10. aprilo 1871. "La Vorto de Ordo[no]", 15. aprilo 1871. M. P. II, 335).

Ĉiuj ĉi organizaĵoj, ne estante absolute klasecaj laŭ sia konsisto, staras sur revolucia platformo "de la respubliko kaj la komuno" kontraŭ la monarkia kunveno kaj la registaro en Versalo. La laboristaj elementoj superas en la virina asocio kaj en la gardo-komitatoj, — el tie ĉi devenas la socialisma koloro kaj batala revolucia spirito de iliaj deklaracioj.

La ĵurnaloj de tiu tempo estas plenaj de leteroj, deklaracioj, raportoj kaj manifestoj, devenantaj el diversaj multenombraj virinaj revoluciaj organizaĵoj kaj apartaj grupoj kaj verŝantaj lumon sur ilian agadon.

"Delegatinoj de la XIII-a regiono" postulas modelan punon por malkuraĝuloj kaj forkurantoj, kiuj ne limigas sin per tio, ke kaŝas sin en domoj "dum iliaj fratoj venĝas pro la senhonorigita Parizo", sed permesas al si eĉ ridi pri tiuj, kiuj plenumas sian devon, riskante sian vivon kaj liberon ("La Krio de l'Popolo", 7. aprilo 1871).

"Civitaninoj de la X-a regiono" postulas, ke Felix Pia reprenu sian eksiĝon kaj restu membro de la Komuno. Lokigante tiun ĉi leteron en sia ĵurnalo, Felix Pia deklaras: "Tiu ĉi letero estas ne malpli decidiga, ol du aliaj... Mi restas" ("La Venĝanto, 25. aprilo 1971).

Grupo de "ruĝaj sanitarinoj" (ambulancières volontaires de la Commune) aperigas afiŝon, en kiu oni legas: "La flegistinoj de la Komuno deklaras, ke ili apartenas al neniu societo; ilia tuta vivo apartenas plene al la Revolucio; ilia devo konsistas el tio, ke sur la batalkampo mem ili bandaĝu la vundojn, kaŭzitajn de la venenigitaj kugloj de la Versalanoj; kaj en okazo de neceso ili prenu la armilon, simile al la aliaj. Vivu la Komuno! Vivu la tutmonda Respubliko! "La Sociale", 25. aprilo 1871).

"La civitaninoj de Montmartre, kunvenintaj la 22-an de aprilo, decidis prezenti sin en disponon de la Komuno por organizo de la kamp-hospitaloj kaj por flego sur la batalkampo al niaj heroaj defendantoj. La Virinoj de Montmartre, entuziasmigitaj de la revolucia vervo, volas afere pruvi sian fidelecon por la Revolucio" ("La Krio de l'Popolo", 26. aprilo 1871).

"Virin', leviĝu vi!... Ne estu plu sklavino,
Katenon rompu for de l'peko origina
Kaj iru al la sun'!
Komenciĝas nova tag' por la proletarioj,
La tag' de pac' kaj am', venanta kun radioj
El ombro de la nun'!..."

Tiel vokis "Al la virino" senfama popola poeto Picard sur paĝoj de la ĵurnalo "La Proletario", 15. majo 1871.

Kaj la virinoj, efektive, leviĝis...

"Hieraŭ", — ni legas en la ĵurnalo "La patro Duchêne", 16 ĝerminalo 79 jaro (5. aprilo 1871): — pasante trans la placo de la Konkordo, la Patro Duchêne renkontis longan kolonon da civitaninoj, kiuj ankaŭ iris batalon, por havi sian parton en nia venko. Tio memorigis al li nian grandan Revolucion, iliajn antaŭulojn, la virinojn de la 92-a jaro, irintajn Versalon kun tambur-batado; ĉe tiu ĉi rememoro la Patro Duchêne sentis grandan kontentigon! Li dankas la kuraĝajn civitaninojn, kiuj iras renkonte al la morto, por subteni la aŭdacon de la patriotoj, kiuj povas en la batalo subite fali spirite je ekpenso pri ili! Inter ili hieraŭ jam estis mortigitinoj! Falinte sur la honorkampo per morto de la kuraĝuloj, ili mortis, ne lasante rigardon al la ruĝa standardo; ilia lasta spiro kaj lasta penso apartenis al la Respubliko!"

Venas lastaj, sangaj tagoj de la Komuno. Laŭ atesto de ĉiuj, eĉ reakciaj historiistoj kaj publikigistoj, en tiuj ĉi teruraj tagoj la parizaj laboristinoj montris eksterordinaran kuraĝecon.

"La trupoj estas konsumitaj, senfortigitaj, la lastaj batalantoj falis," — skribis la burĝa historiisto G. Hanotaux en sia "Historio de la nuntempa Francio", Paris 1904, I-205): — "la virinoj kaj infanoj staras sur la barikadoj kaj pafas. Stranga energio movas ilian rompeblan kuraĝon, — ili ankoraŭ batalas, kiam la viroj forlasas la barikadojn".

En "Gaulois" (13. julio) ni legas: "Ĉiuj virinoj, kiujn ekzekutis la ekscititaj soldatoj, mortis kun malbeno sur la lipoj, kun ignora rideto, kiel martirinoj, kiuj sin oferante, plenumas per tio sian superan devon..."

Sur placo Blanche bataliono da virinoj, sub komando de la heroa Luise Michel kaj rusino Dmitrieva, jam antaŭtage (22. majo) batalinta en Batignol, montris miraklojn de kuraĝeco. Kiam la pozicion jam ne eblis reteni, la bataliono dekuris kelkajn centojn da metroj

pluen, sur la placon Pigal, kie ĝi denove batalis kontraŭ la malamiko; kaj tiel malantaŭenirante de unu barikado por renoviĝi tiun ĉi kruelan batalon sur la sekvanta, tiu ĉi bataliono militis ĝis la lasta tago" (Louis Dubreil, "La Komuno 1871").

"En majaj tagoj de 1871 pli ol dek mil virinoj, unuope aŭ po grupoj, batalis en Parizo por la libereco" (L. Michel, "La Komuno", Paris 1898, p. 266).

Tiaj estis la virinoj de la Komuno, — tiuj, laŭ la esprimo de Marx, "veraj parizaninoj, same heroaj, grandanimaj kaj sinoferemaj, kiel la virinoj de la klasika antikva epoko" (K. Marx, "La civila milito en Francio 1870—1871".

Mallonge trad. *Ninelina.*

# *KAPITALO*

## *DAMIANO BEDNY*

*"Ne estu por vi dioj aliaj krom mi."*

*Kliniĝu sklavoj, kiuj venis*
*Por admiregi je l' pentraĵ'!*
*Mi la terglobon ĉirkaŭprenis*
*Per mia ŝtal-araneaĵ'.*

*La mondan reĝon mi simbolas:*
*Mi estas dio — kapital'.*
*Mi sorĉrigardas kaj parolas*
*Per bril' kaj sono de l' metal'.*

*Malhelaj iĝas reĝaj kronoj*
*Dum la ĉeest' de mia kron'*
*Rompiĝas kaj kreiĝas tronoj*
*Per mia volo kaj ordon'.*

*Venkita mond' sub premo restos*
*De mia kruda fer-leĝar'.*
*Por mia "patrioj" ĉiuj estas*
*Brutejoj kun la hom-brutar'.*

*Mi volos: paŝtos ĝin en valoj,*
*Aŭ al la morto pelos ĝin!*
*Eksvingos mi — kaj en bataloj*
*Belland' fariĝos tuj ruin'.*

*Fiere staras, kiel roko*
*En mondo mia fortikaĵ'.*
*La komerceĵ' — jen sankta loko!*
*Kontora tablo — jen sanktaĵ'!*

*Evangelio — la "bilancoj",*
*Komerca "ludo" — mesofar'*
*"Donacoj sanktaj" — la financoj*
*Kaj financistoj — la pastrar'.*

*"Preĝejo" mia luksaspektas.*
*Dum ĉiu tag' — dum ĉiu hor'*
*En ĝi "laboras" mi: kolektas*
*"La pluvon el tintanta or'!*

*Trezoro mia — oro brila!*
*Mi ĝin ne donas sen batal' . . .*
*Do, estu la sklavar' humila,*
*Simile al brutar' en stal'! . . .*

Elrusigis *S. Davidos, Serdobsko* (Sovetio).



Desegnajo de S. LODIGIN

# LABORISTINO

L. IVN

*Rimenoj siblas kaj pulioj knaras.*
*Serpentoj lignaj glitas al la plank'.*
*Ĉe stablo ŝi (laboristino) staras.*
*Kaptuko ruĝa kaj novleda jak'.*

*Trankvile kuras akraj tranĉiletoj*
*kaj lulkantante endormigas ŝin.*
*Jen...*
*malproksima tag: — parti-bileton*
*unuafoje premis ŝi al sin'.*

*Kovrilo ĝia (ruĝa kalikoto)*
*aspektis ĝoje, kiel novnaskit'.*
*Nun estas ĝi en sango kaj en koto:*
*tre multon ĝi suferis dum milit'.*

*Angulo unu estas fortranĉita:*
*ĝis nun la kuglo vagas en la korp'.*
*Ŝi ne memoras: ĉu fuzil' bandita,*
*ĉu la blankula celis al la kor'.*

*Ĝi ne malhelpis ŝin kun Ruĝarmeo*
*(neforgesebla tag' de Perekop!)*
*balai for blankulojn el Krimeo*
*kaj diri al burĝar' tutmonda: stop!*

*Kaj poste poste, . . . ree familio.*
*Gepatroj mortis, restis eta fil'.*
*Sed viv' ruliĝas kvazaŭ la pulio —*
*minutoj kuras kiel rultranĉil'.*

— — — — — — — — —

*La 4a baldaŭ. Fajfo. Fino. Iras*
*rapide hejmen ŝi — atendas ja*
*patrinon sian juna pioniro*
*kaj mem preparis li tagmanĝon jam.*

*Post duonhoro – klubo ĝis la 10a:*
*aboc-lernej', rondet', virin-kunven',*
*parti-kunsido aŭ biblioteko,*
*lekcio longa kvazaŭ ĝis maten.'*

*Kaj morgaŭ tralegante en gazeto:*
*"En Dortmund . . . katastrof'.*
*[Pereis 100".*
*dolore pensas ŝi pri sort' proleta,*
*la lipojn mordas en terur-silent'.*

*Kaj ree, ree . . . (kvazaŭ dum milito,*
*dum malsukces' en apudmoskva front')*
*sur ŝia frunt' aperas sulk' subita,*
*minaco por kapitalista mond'.*

*Rimenoj siblas kaj pulioj knaras.*
*Serpentoj lignaj glitas al la plank'.*
*Ĉe stablo ŝi (komunistino) staras.*
*Kaptuko ruĝa kaj novleda jak'.*

*8. III. 1925.*

# VIRINOJ RAKONTAS....

Fragmento el "La bona espero"

HERMANN HEYERMANS

(La virinoj sidas kune en malriĉaspekta ĉambro de fiŝista dometo kaj rakontas . . .)

**Trus:** Nu — en Flardingen oni havas turon kaj sur la turo oni havas rigardanton — la turorigardanton.

**Maritje** (trikante): Tiun oni ankaŭ havas en Massluis.

**Trus:** Kaj tiu rigardanto suprentiras ruĝan pilkon, kiam li vidas dumastan ŝipon aŭ traŭleron aŭ alian boaton en la malproksimo — kaj kiam li scias, kiu ĝi estas — estas vere miraklo kiel li pro la masto, pro la koloro, pro la veloj, pro la partoj de la ferdeko, pro io ajn, rekonas ŝipon — tiam li malsuprenigas la pilkon, kuras al la ŝipposedanto kaj al la familio kaj sciigas — mi diru ekzemple — "Albert Koster" aŭ "Gudkop" venas. — Nu, sciigi la familion estas preskaŭ nenecese. Ĉar tuj, kiam la pilko estas suprentirita sur la turo, kuras la infano tra la stratoj kriante — kiam mi estis juna, mi ankaŭ faris ĝin — "Pilko supre! Pilko supre!" — Kaj tiam iras la virinoj al la turo kaj atendas malsupre ĝis la rigardanto venas kaj tiam ili donas al li cendojn, se estas ilia ŝipo . . .

**Klementine:** Kaj? . . .

**Trus** (fiksrigardante en la kamenfajron): Kaj . . . kaj . . . "Magnet" kun mia unua edzo — ĉu mi jam diris, ke mi unu jaron estis edziĝinta? — "Magnet" forestis ses semajnojn, sep semajnojn — ĝi havis nutroprovizon nur por ses semajnoj. Kaj ĉiufoje kriis la infanoj: "Pilko supre, Trus, pilko supre, Trus!". Kaj tiam vi kuris kiel frenezulino al la turo — sed neniu postrigardis vin — oni ja sciis

kial vi kuris — kaj kiam la rigardanto venis malsupren — tiam vi estis volinta eltiri la vortojn el lia buŝo — sed tiam vi demandis time: ĉu vi havas "ting"? — "ting" — tio estas sciigo, en Flardingen' a dialekto —. "Ting pri Magnet?", tiu diris tiam — ne, estas "Frau Maria" aŭ "Wakzemhejd" aŭ "Konkordia" — kaj tiam vi pezpaŝe retroiris maltrankvile — vi kuris plorante, pensante pri via edzo — via edzo. Ĉiun tagon iris suko tra via cerbo, kiam vi aŭdis la infanojn — kaj ĉiun tagon vi estis ĉe la turo — preĝante, ke dio — sed "Magnet" ne venis — ne venis — fine vi ne plu kuraĝis iri al la truo, kiam la pilko estis suprentirita — vi ne plu kuraĝis resti atendanta ĉe la dompordo, ĉu eble la rigardanto mem venus kun la sciigo . . . Tio daŭris du monatojn — du monatojn — kaj tiam — nu tiam mi, jes, ekkredis ĝin — (s e n t o n e) la fiŝo estas kare pagata —.

**Klementine** (post kelka silento): Kaj al Ari? Kio precize okazis al tiu?

**Trus:** Ari. —

**Jo:** Nu — tio estas ankoraŭ tiel antaŭ nelonge pasinta . . .

**Trus** (trankvile): Aĥ, infano, vi volus tion ĉiuhore dum la tago rakonti al ĉiu — kiam vi estas postrestinta kun ses infanoj — bonega viro — neniam mi aŭdis de li koleran vorton — neniam. Dum du horoj li estis for — bato de stango kaj eĉ vorton li ne plu diris. Se ĝi estus okazinta ses semajnojn poste — oni estus kunportinta lin — ni estus entombigintaj lin ĉi tie — sed naĝis ŝarkoj jam ĉirkaŭ la ŝipo — tiuj flaras, ke mortinto estas sur la ŝipo. —

**Knirtje:** Jes, tio estas vera, alie ni vidas ilin neniam.

**Trus** (rezigneme, al Klementine): Vi verŝajne ne edziniĝos kun fiŝisto, fraŭlino, sed estas malĝojige, malĝojige, dio, tiel malĝojige, ke oni tiun, kiun vi amas, ligas sur tabulon, — kun peco da veltuko ĉirkaŭ ĝi — kaj ŝtono ĉe ĝi — tri foje ĉirkaŭ la granda masto kaj tiam: unu — du — tri — je la nomo de dio. — La fiŝo estas kare pagata — (singultas).

**Jo** (ekstarante ĉirkaŭbrakas ŝin): Nu — Trus! —

**Sart:** Enverŝu al si ankoraŭ taseton — (a l M a r i t j e). Ĉu vi nun ankaŭ ree ploras? Tiu sidas ĉiam pensanta pri Mes — —

**Maritje:** Ne, mi nun ne pensas pri Mes — nun mi pensas pri mia frateto — kiu tiam ankaŭ dronis.

**Jo** (nerveme): Ŝajnas, ke oni tie ĉi amuzas pri — —.

**Maritje** (ree trikante): Lia dua vojaĝo — falo de la lokmasto . . . Subite li kuŝis eksterŝipe — —

— — — — — — — — — — — — — — — — — —

**Knirtje** (kvazaŭ al si mem): Jes, jes — se la akvo povus paroli. — — —

El holanda lingvo tradukis 670.

# SEN PASPORTO

La maŝinoj muĝas kaj klakas, murmuras tuta la domo. Supre, en la alta kvina etaĝo oni fabrikas blankan tolaĵon. Kvazaŭ per malvarma neĝo, ĉiuj tabloj estas kovritaj per blanka tolo. Ĉio estas malvarma, frostita ĉi tie ... Blankaj palaj vizaĝoj, palaj lipoj, malvarmaj paroloj ... Vintro estas por ti-kiuj antaŭvivas la printempon de siaj jaroj; centoj da fleksiĝintaj korpoj, miloj da malgrasiĝintaj disrompitaj fingroj, ekflamitaj okuloj, kurbitaj dorsoj, ŝvelintaj piedoj, sekiĝintaj brustoj. Kaj la maŝinoj muĝas kaj klakas, murmuras tuta la domo. Jam depost dek jaroj ŝi laboras ĉi tie. Oni ŝin ne maldungas, ĉar ŝi estas silentema, obeas kion oni al ŝi ordonas akceptas kiom da mono oni al ŝi pagas, ne interdisputas kun siaj kunulinoj kaj ne parolas dum ŝi laboras.. Tien ĉi ŝi venis rekte de la ŝipo, kun ruĝaj vangoj, fortaj manoj kaj dolĉaj esperoj ...... Nun la vangoj estas enfalintaj kaj palaj, la koro malforta, la sano perdita, ĉiuj esperoj foriĝintaj ... El la viva homo fariĝis aĵo, apartenanta al la maŝino. ... Ŝi nenion atendas, ne havas celojn, jam ne plu revas pri alia estonteco ... La tagoj sekvas unu la alian kaj la maŝinoj muĝas kaj klakas, murmuras tuta la domo. Nun al ŝi jam estas tre malfacile suprenrampi ĉiutage sur la kvinan etaĝon, tre ofte ŝi haltas sur la ŝtupoj kaj spiras malfacile. Apud ŝi — en la halo malhela — liftoj forrapidas ĉiuminute, sed neniu el la gelaboristoj rajtas uzi la liftojn — tio severege estas malpermesata. Kiam laboristo ne havas forton suprenrampi proprapiede, li jam ne plu estas laboristo kaj la maŝino ne plu toleras lin apud si ... Ŝi rampadas supren ĉiutage ... Ĉe la maŝino ŝi sentas sin malforta. Subite malheliĝas en la okuloj, la koro forte ekbatas.


K. KOLWITZ SUFERO

En tiuj minutoj ŝi sentas, ke en freŝa aero ŝi tuje resaniĝus, sed estas tre malfacile elveni el la "fektori"; oni antaŭe devas ricevi de la ejestro la "pasporton", sen la "pasporto" la pordgardisto ne permesas iri ekster la pordon, sed elpeti la "pasporton" ne estas facile ... Ŝi estas silentema ... Ŝi sin fortigas, ŝi eltenas kaj silentas ... Kaj la maŝinoj muĝas kaj klakas, murmuras tuta la domo.

Ĉirkaŭe bolas kaj muĝegas. La kudromaŝinoj murmuras kaj bruas. Subite ŝi aŭdas, kiel ŝia koro kelkfoje forte bategas kaj haltas... Malvarma ŝvito kovras ŝian vizaĝon... Ŝi iras peti pasporton... Kaj la ejestro ne estas bonhumora, li estas okupita, ne rigardas al ŝi kaj kolere krias: "No! No!" Kaj silente ŝi iras. La piedoj ŝanceliĝas... La tuta konstruaĵo ŝanceliĝas... Ŝi sidiĝas apud la maŝino. La vaporo movigas la radojn. La okuloj ne vidas kaj sen ŝia volo la fingroj sin movas sur la blanka tolo... La kudrilo stebas kaj kudras, kaj ŝia kapo fleksiĝas flanken kaj restas senmova... Ŝi estas mortinta... Ŝia malsana koro disŝiriĝis kaj malviva jam, ŝi ankoraŭ kudras, malviva jam, ŝi stebas sur la blanka tolo malvivan kunkudron...

Kaj la maŝinoj muĝas kaj klakas, murmuras tuta la domo. Momente ĉio iĝas silenta, kriado sin eligas, same la tuta domo eligas teruran ĝemegon; ĉiuj rimarkas la mortintan kudristinon kaj malvarmiĝas pro teruro. La sonorileto telefona sonoras kaj la lifto suben portas la senvivan, malvarman korpon sen pasporto.

El jida originalo esperantigis *Chaskelo Ferdinand Hochhaeuser*

---

# FATIMA

Fabelo

*G. KUTUJ*

Ĉiutage post subiro de l' suno alvenas al la fenestro juna virino — Fatima, kun disŝirita kaptuko sur la kapo.

Kiam komencas krepuski, ŝi mallaŭte frapetas la fenestron kaj krietas:

— Pan-on,
 Pa-n-on!

— Ne!

Oni ne donas.

Ŝi ne foriras. Ŝi sidas ĉe l' sojlo. Al si mem ŝi ion murmuras. Kaj iras al alia fenestro, ankaŭ mallaŭte frapetas:

— Pan-on,
 Pa-n-on!

Ree ŝi sidas. Ree komencas ion al si murmuri. Ree ŝi frapas:

— Pan-on,
 Pa-n-on!

Se vi rigardos tra la fenestro, vi vidos, kiel ŝi sidante observas siajn maldikajn, kvazaŭ nur ostajn fingrojn. Ŝi rigardas ilin tre ĝentile, kvazaŭ ŝi deziras ellerni ilian konstruon, kvazaŭ ŝi deziras trovi ion en ili.

Ŝi forgesis, ke oni ne donas al ŝi panon. Ŝi ne koleras. Poste, kiam ŝi finas observadon de la fingroj, ŝi iras al alia fenestro kaj ree frapas:

— Pa-n-on!

— Panon ni ne havas.

Kiam ŝi aŭdas la respondon, ke ili ne havas panon, ŝi volvinte sin per la kaptuko foriras iun trankvilan lokon kaj sidiĝas tie. Ŝi observas siajn fingrojn.

Kaj iafoje ŝi rigardas la ŝvelaĵon de siaj piedoj. Per la manoj ŝi ilin frotas, ŝi deziras varmon . . .

Preteriranta Ĥalima rimarkas ŝin:

— Vi ĝis nun vivas, Fatima. Ho, vilaĝa balaaĵo, kiam vi mortos?

— Baldaŭ.

— Jam delonge vi devus esti mortinta. Ja vi malvarmigas la varmon.

Fatima, alte tenante la kapon, rigardas al Ĥalima. Kaj renkontinte ŝian malbonan rigardon, ŝi ree ekrigardas teren.

Foje, irante matene por akvopreno, oni trovis ŝin en puto. Kiel okazis tio, neniu sciis. Oni prenis ŝin el la puto, eltirinte ŝin per dika ŝnurego. Ŝi malbonfartis.

— Mi rampis tien per ŝtuparo, — ŝi diras.

— Kial vi rampis tien?... Kion vi trovis tie?

— Mi kalkulis stelojn... tre multe da steloj mi kalkulis... tre multe da ili mi kolektis. — Vi ĉiuj estas malbonaj homoj. Vi venis kaj ili forkuris.

Kaj poste ŝi deziris:

— Pa-n-on!

Ŝi staris, atendis la panon. Oni ne donis.

Kaj poste la juna virino kun disŝirita kaptuko sur la kapo, bone envolvinte sin per ĝi, foriris en la kampojn.

* *
*

Infanoj alkuris la vilaĝon kun la informo:

— Fatima dronis.

El la vilaĝo ĉiuj venis por rigardi.

Fatima, envolvinte sin per sia kaptuko, kuŝis meze de herbaĵoj kaj floroj, kiujn alportis vilaĝaj infanoj.

Kaj ŝajnas, ke ŝiaj duonmalfermitaj okuloj kaj senkulpaj lipoj jen, jen deziras diri:

— Pa-n-on!

Pan-on! . . .

El tatara lingvo trad. *Falk Baĥteev.*

# ŜIA HONORO — LIA HONORO

*NENIU*

Mi loĝis en proletkvartalo de la ĉefurbo, kie regis la fantomo de senlaboreco, sentiĝis la sufero, plugante sulkojn sur ĉies vizaĝoj, kaj la fruntojn kovris nigraj nuboj de la zorgo. La ĝojo estis fremda, malofta gasto, restanta nur momenton en ĉies hejmo. Nur la plendoj zumis laŭte kaj konstante.

La proksimaj fabrikoj, kie ŝvitis armeo da senrajtaj diabloj, torentigis el la kamentubegoj la nigre-flavatran karbofumon, eksidantan sur la teron. La aero estis venenita de ĝi, la libera spirado estis malebligita kaj ĉio estis nigrita de fulgo. Eterna griza krepusko regadis super la kazernoj, de kie la vento vaste suprenigis la surstrate rulantan pezan fumon. La malrapide leviĝanta fumomaro demalproksime aspektis kvazaŭ erupcionta vulkano.

Malpuraj kavozaj stratetoj kurbis inter la kaduke starantaj domegoj, sur kies muroj la brikoj, kiel grincantaj dentoj de la malriĉeco, rikanis el sub la stukaĵo detruita de la nezorgeco.

Fenestraĉoj en simetriaj vicoj indiferente observadis la nepuran ĉifonvestitan aron da homoj, sin pelantaj tra la stratoj, kvazaŭ en iu formikejo. Iliaj blindaj, el gazetpapero faritaj okuloj strange strabis al la ankoraŭ malrompitaj vitrotabuloj kaj minace siblis pro la printempa vento.

Tie ni vivis, tie ni edukiĝis. Ĉiuj anguloj de l' kurbaj stratetoj, ĉiuj fazoj de l' mizero estis de ni konataj kaj nin konantaj.

Ŝi estis mia fianĉino. Simpla proletknabino. Margareto kaj mi kune pasigis nian tutan infanaĝon, kune ni ĝojis aŭ ploris, ŝi estis mia ĉiama kunludantino, ŝin mi elektis kiel mian fidelan kunulinon dum mia batalplena vivo. Ambaŭ niaj patroj laboris en la sama fabriko, kie ankaŭ mi sklaviĝis. Niaj du familioj loĝis najbare en unu el la ruiniĝantaj domoj kaj niaj gepatroj estis ne nur bonaj najbaroj, sed ankaŭ sinceraj amikoj en la komuna mizero. Neniu parolis pri nia fianĉiĝo, ni ne havis riĉan svatfeston, ĉiu taksis la aferon evidente komprenebla; komencante de babilemaj gefratoj malgrandaj kaj ĝis la seriozaj gepatroj — ĉiuj ili kun ĝoja konsento aprobis la vekiĝantan reciprokan amon, kiun naskis niaj du junaj koroj. Bonaj gejunuloj — diradis sekreteme la najbaroj. — Karlo estas brava laboristo, Manjo — honesta knabino. Ĝusta paro ili estas.

Ŝi laboris en iu banko, for de nia fumoza kvartalo, kiel maŝinskribistino. Ĉiumatene kune ni foriris el hejmo, ĝis la vojcelo disigis nin por subsklaviĝi al la ĉiutaga porpana laboro. Ni amis nin, kiel povas ami nur junaj koroj dum la rozkolora printempo de l' vivo. Ĉiuvespere, kiam ni jam forskuis la ĉenojn de la labora jungo, kiam

ni eligis ĉiujn amajn sentojn el niaj animoj, ni sonĝe, silente revadis, mano en mano, kiam ni havos eblon, monon por atingi nian sopiratan celon — la modestan varman hejmon, nian geedziĝon.

* * *

Sinjoro bankdirektoro komforte sidis en angla ledseĝego apud la skribotablo. La lukse meblita oficĳabineto odoris per parfumo. Enpensiĝante li stulte rigardis aeren, rigide al nedifinita punkto kaj liaj riĉe ringizitaj dikaj manfingroj distre ludadis per la ora horloĝoĉeno sur la ventro. Kontenta rideto aperis sur lia lunronda ruĝa vizaĝo, larĝe etendiĝis liaj volupte karnozaj lipoj kaj la kuntiritaj malgrandaj okuloj ruze palpebrumis. Subite li ekskuis la sonorilon. Servisto envenis.

— Venigu fraŭlinon Margareto al mi, — li ordonis fiertone.

Ŝi venis.

— Je via dispono, via moŝto direktoro, — ŝi diris modeste.

— Nu, nu. Sidiĝu fraŭlino, sidiĝu. Nu, ne tien, sed en ĉi seĝon apud mi. Gravan aferon mi deziras komuniki al vi.

— Je dispono . . .

— Ne grave . . . Nu jes. Mi multe pensis pri vi, fraŭlino Margareto, kaj ni decidis — vi estas mia sekretariino. — Li stariĝis, sin apogis sur la angulon de la skribotablo kaj alproksime kliniĝis al Margareto.



Desegnaĵo de S. LODIGIN

— O . . . dankon . . .

— Ne indas . . . Nu jes, mi ĉiam kaj multe interesiĝis pri vi. Vi estas juna, belega rozo, kaj via junbeleco forvelkas vane. Nek amon, nek vivon vi konas. Kvankam iu estas . . . iu estas, kiu povas kaj deziras vin ami . . . Manjo . . .

— ? ? ?

— Nu, ne tiel naive, ni ja estas kleruloj. Vi havos duoblan salajron ol la nuna, belajn robojn, eĉ juvelojn. Ja mi estas bonema kaj ŝatas same ĉarmajn katetojn, kia ankaŭ vi estas. Kaj la rekompenco via? Nu, ĝi ne estos troa. Kisetoj kaj amkaresoj, por ni ambaŭ agrablaj.

— Pardonu, sinjoro. Vi eraras. Mi estas honesta kaj havas fiančon, — ŝi diris indignoplene.

— Jes, jes, mi jam konas ĉi kutiman kantaĵon de l' honestaj fraŭlinoj; ili ĉiam tiel komencas por interesigi pri si . . . kaj la fianĉo? Nu, li restos plue via fianĉo, mi ja ne volas lin forpeli.

— Sinjoro, vi forgesas la konduton de bonedukita viro! Vi havas familion, al kiu vin ligas moralaj devoj. Kiel do vi kuraĝas . . .

— Ho, ho, etulino, nur trankvile, nur trankvile. Pri moralo kaj devo ni povus multe babiladi. Ili estas tiaj, kiaj ni ilin faras kaj konceptas . . . Certe vi nenion malgajnos . . . Cetere, vi estas bongusta frandaĵo . . . kaj . . .

Li klakis per la lango.

En liaj grizatraj okuloj ekbrilis la senbrida seksvolupto. Subite li ĉirkaŭbrakis ŝian talion kaj ektrenis al la kanapo. En erotika sopiro li premis ŝin al si kaj per sia saliva buŝo li kisis la delikatajn lipojn de Margareto.

— Ha! fripono . . . spirdiris Margareto, sin defendante en la lukto, dume ŝi sukcesis per sia forto lin forpuŝi de si. Ŝi kaptis la sonorilon: — Impertinentulo! . . . Vi havas la rajton aĉeti mian laborforton, sed ne min! Kiel vi rajtis atenci mian honoron!?

— Ho, eblas ankaŭ tiele? Nu bone . . . bastardo fia!

La servisto envenis.

— Forkonduku fraŭlinon Margareto. Ŝi estas maldungita pro la neakurata plenumo de sia laboro. Ankoraŭ hodiaŭ ŝi devas forlasi la bankon. Aranĝigu ŝian salajro-aferon, — li ordonis al la servisto.

La servisto humile kliniĝis kaj signifoplene ekridetis.

* * *

Vespere Manjo atendis min ĉe la elirejo de la fabriko. Ŝiaj lazurplenaj okuloj estis sangoruĝaj pro la ploro.

— Ho, Karlo kara . . . kio okazis kun mi . . . — singultdiris ŝi. Ploro ektremigis ŝin kaj la larmoj surverŝis ŝiajn okulojn.

— Nu? . . . mi demandis maltrankvile.

— Ne . . . mi ne povas ĝin rakonti. Mia honoro estas profanita . . . Ne plu . . . Ne plu . . .

— Nu, nu, estu kvieta kaj rakontu al mi, — mi petis ŝin, perfortante mian maltrankvilon.

Ŝi balbute rakontis la okazintan aferon. La ploro sufokis ŝian gorĝon kaj ŝia fluanta larmo falis sur mian manon, karesantan la ŝiajn.

— Karlo . . . mia sola feliĉo. Ĉiam mi nur cin povas ami per tuta mia koro. Kaj li . . . li kisis min perforte.

— Kisis cin . . . — mi murmuris malame. Miaj nervoj streĉiĝis, venĝemo tremigis mian bruston kaj la mano pugniĝis.

Aljtage, nenion dirinte al iu, mi ne iris labori en la fabrikon.

Dum la tuta antaŭtagmezo mi vagadis ĉe la pordo de l' banko, embuskante la direktoron. Aŭtomobilo alveturis la elirejon. Post kelkaj minutoj aperis la korpulenta figuro de la direktoro en la malhela koridoro. Kiam li paŝis surstraten, mi alsaltis lin.

— Ha, fripono! — mi ekkriis kaj sekvontminute akre aŭdiĝis laŭta vangfrapo. La direktoro falis al la aŭtomobilo.

Bankservistoj sin ĵetis sur min. Ekestis forta lukto. La alvokita policisto forkondukis min.

Post kelkaj tagoj oni vokis min pro la afero al policejo. La policestro malafable traktis min.

— Kion vi povas diri por mildigi vian kulpon!? — demandis li krude.

— Li perforte volis malvirgigi mian fianĉinon — mi respondis, perfingre montrante al la direktoro, sidanta sur seĝo.

— Ĉu vi havas atestantojn?!

— Jes, mian fianĉinon.

— Ŝi ne povas esti atestanto, ĉar ŝi mem akuzas.

— Nu tiel — mi mem estis la juĝisto, — ironie diris mi.

Oni kondamnis min je monpuno, kies sumo konsumis la duonon de mia salajro semajna. La akuzo estis: malestimo de alies honoro kaj negrava ofendo de homa korpsano.

# PRI LA MODALECO DE L' VIRINO

*BRESLAUER*

Ni devas lerni kompreni, ke oni precipe la virinojn en ilia amaso ne povas gajni por ni per la alvoko al batalo, nek per incitado de ilia indigno kontraŭ la maljusto, kiu estas krimata al ili, nek per la logiko de l' pensoj. La virina psika vivo plenumiĝis grandparte en la ĉirkaŭo de tute aliaj konceptoj ol batalo, justekkono kaj potenco. Nature al la virinoj ili ankaŭ ne estas nekonataj kaj ekestas tempoj kaj vivcirkonstancoj, en kiuj ankaŭ por la virino staras unuavice la batalo, la potenco, la justo kaj la ekkono. Sed tio por ŝi ne estas la laŭnatura stato.

En la psika vivo de l' virino ludas la intelekto ne la saman rolon kiel en la psika vivo de la viro. Estas vere, ke ekzistas virinoj, kiuj egalas je intelekta forto la sagacajn virojn, kiel ekzistas viroj, ĉe kiuj certe la intelekto ne ludas la ĉefan rolon. Sed tamen ĝusta estas la ĝenerala fenomeno, ke la viro pli multe aplikas la intelekton, la klaran sagacon; kontraŭe la virino multe pli sian senton, sian sentimenton. Ne tio estas la grava diferenco kaj ne devas signifi, ke la virino kun sia modaleco staras sub la viro. Devas tio sole signifi: Ekzistas diferenco modala.

La hodiaŭa psikologio ĝenerale kaj plene agnoskas, ke la intelekto estas nur unu el kelkaj psikaj fortoj, ke ĉio intelekta nur estas malgranda parto el psikaj ekmovoj. Ĝi povas esti komunikata per vortoj, kaj posedas la kapablon konsciiĝi. Sed en la profundoj de ĉiu homa animo estas multe pli granda sfero de l' senkonscieco, kiu ne povas esti formata en vortoj, en kiun neniu konscio povas enpenetri, por kio estas la ŝlosilo de l' supozanta kompreno. Amo kaj malamo, ĝojo kaj funebro, sufero kaj ĉagreno, sopiro kaj atendo, espero kaj abomeno, kiel ili do koncernas la prudenton? Ĉu ili kontraŭe ne regas niajn pensojn? Certe drinkulo komprenas, ke malutilas al li la alkoholo, kaj tamen li plue drinkas. Ĉu lin regas la prudento? Ĉu infanoj estas naskataj post antaŭa kalkulo? Ĉu regas ĉe tio la prudento? Ĉu niaj plej altaj, niaj plej belaj kaj ĝojigaj travivaĵoj estas el la sfero de l' prudento? Ne, aŭ sole ĉe kelkaj eksternormaj homoj.

Do, ne mallaŭdu ni la malprudenton ne la mondon de l' sentoj, de la animo. Ĝi estas la mondo, en kiu ankoraŭ hodiaŭ — al la ĉielo estu danko! — la virinoj kaj infanoj vivas, dum la kapitalismo, kiu precipe kaj abrupte la virojn ekkaptis, en ili forpuŝis la animon, tiel, ke ĝi retiriĝis ĉe ili je malgranda angulo kaj nur servas je dimanĉa uzo. Estas nature ne mirige, se la hodiaŭa vira spirita stato estas pleje adaptita je kalkuldo, je logika pensado. Ĉio devas havi klaran celon en kapitalismo, nenio devas sencele okazi. La kapitalismo malamas la sentimenton, ĉar ĝi ofte faras "sencelajn" ruzaĵojn. Tial ankaŭ devas havi la vivo celon en kapitalisma senco. Kapitalismo postulas oferadon de l' vivo al la malviva materio. Ĝia dio estas la mamono. Kion signifas al ĝi la vivo? Kion la animo? Ĝi nur povas uzi la klaran, sobran, kalkulantan saĝon. La ideala laboranto de la kapitalismo estas la maŝino. Ĝi havas neniajn sentojn, eĉ ne pensojn, do malebla estas ĉiu ĝenado de ĉi-tiu laboro. Tiel devas fariĝi ankaŭ la "honesta" laboristo. Nur neniajn sentojn! Nur ne sentimenton! Animo? Kiom tio kostas? Kiom ĝi profitigas?

Ĉu estas mirindaĵo ĉe la tute alia strukturo anima de l' virino, ke ĉe ŝi malefikas tiuj propagandrimedoj, kiuj gajnas la virojn por socialismo?

Inter la viroj efikas alloga parolo pri malamo kaj elmontro de malamo. Virinoj kutimas, al la objektoj tute alie proksimiĝi per la amo. Tial la socialismo de l' viro estas aspira, rajton postulanta, malamanta socialismo de l' prenado; la socialismo de la virino estas la helpanta, feliĉiga socialismo de l' donado. La vira socialismo do estas plejparte malmola, egoista materialista kaj intelektuala, entuziasmiga. La virina socialismo estas la trankvila, varma, bonfar-

anta, altruista, amanta socialismo. La edzino de Karl Marx kaj ankaŭ la edzino de nia batalinto Bebel estis certe tiel veraj socialistoj kiel iliaj edzoj. Sed ĉu ili ne estis soc. de alia esenco?

Multaj estas la vojoj al socialismo. La virinoj en ilia plimulto devos iri la vojon, kiel la viroj estas irintaj la ilian kaj multaj devos trovi ilian vojon al socialismo je ilia maniero.

El "Volkswacht" tradukis *Edwin Haschke*.

---

# LA VOĈRAJTO DE LA VIRINO

*DANIEL DE LEON*

Tiu, kiu levas la kurtenon de la historio de la Klasluktado, tuj estas trafata de la virina figuro kiel ĉefa figuro sur tragedia scenejo; ŝi mem estas tragedia viktimo, — unuavide *la* tragedia viktimo. La antaŭminaca tragedio, per kiu la dramo de Klasregado malfermiĝas, persvadas du eraroin: Unue, ke la Virino estis malsuprenfrapita pro sia sekso. Ŝi ne estis. Due, ke iu diableto superis en la lukto por regado super la destino de la raso, ĵetegante ĝin el arkadiana feliĉeco en malfeliĉecon...

Homo — signifanta Homaron — estas, laŭ la sencŝarĝita lingvaĵo de Carlyle (elp. Karlajl), "il-uzanta besto". Kiam la Homo ekaperis sur la tero, li el ĉiuj bestoj estis la plej mizere senhelpa. La piedo de l' Naturo troviĝis sur lia kolo. Ĝi skurĝis lin ver senpluvecoj kaj superakvegoj; per varmego kaj malvarmego; ludilo je ĝia kaprico, jen ĝi superŝutas sur lin abundegon, jen malabundegon. La birdoj superflugantaj lian kapon, la bestoj vagaĉantaj ĉirkaŭ lia lulilo, — ĉiuj estis memsufiĉaj. Ili ekestiĝis ekipitaj je la ilo necesa por tranĉi sian vivigon el la Naturo — la leono siajn dentegojn, la araneo sian saketon da mucilago kaj fadeno, la aglo siajn bekon kaj ungegojn, la kastoro sian mirindan voston, la plej malgranda parvolo sian beketon. La Homo sole naskiĝis sen iloj; tial, ĉe la ekkomenco de sia vivo, li malsuperas je ĉiuj aliaj.

La armilo, per kiu la Homo venkis la brutaron kaj la Naturon mem, levinte ŝin per ĝi al reĝeco super la unua kaj venkinte la duan ĝis ĝi fariĝis lia obeema servanto, estis la ilo de produktado, kiun li unue malfacilege fabrikis; kiu, en liaj manoj pliboniĝis, ĉiam plipotenciĝis, t. e., fariĝis plirezult-portanta, kaj la evoluado de kiu substrekas lian antaŭen- kaj suprenmarŝon.

El scienca vidangulo la Falo de Homo estas infaneja ferakonto; el la morala vidangulo ĝi estas kalumnio kontraŭ la raso. La Homo progresis, ne male.

* * *

Frua Homo marŝis senkonscie, laŭ senkonscia obeo al la leĝoj, kiuj subkuŝas lian progreson, kvazaŭ tiel, kiel rivero fluas al sia destino. Nur

kiam alte evoluinte, kun vasta sperto malantaŭ si, kiu donas al li antaŭscion, la homo prenas evoluadon ĉe la mano, tiel diri, tiam li ludas aktivan parton en la procedo. Tial, frua socio kontraŭstaris senkonscie la alternativon: ĉu akcelj egalecon kaj tiam restadi en bruta kaj brutiga senhaveco, ĉu sin tiri el la sulko forcedante egalecon. Senkonscie, instinkte, socio elektis la duan alternativon, instinkte, senkonscie, trafante la vojon tra la valo de la Klasluktado.

La ekapero de la Fera Ilo eble ne sufiĉis por splitigi la socion en mastran kaj sklavan klasojn, — eble ne. Tamen, la ekapero de la Fera Ilo, kiel incidento en la leĝo, kiu propelis socion al perfektigo de la ilo, ligite kun la progresleĝo, kiu instigis socion je kiu ajn kosto sin tiri el la profunda sulko de universala bruta kondiĉaro, — kun tiuj du leĝoj ope funkciantaj la ekapero de la Fera Ilo plirapidigis kaj lokigis sian distingigan signifon sur la direktiĝon de la Historio. Nova Institucio — Privata Propraĵo, Privata Propreco de la necesaĵoj al protuktado, tero kaj ilo — kristaliĝis kiel logika rebrilo de la ŝanĝita produktsistemo. La komunisma socio estis renversata, aŭ pli bone, forjetata. Plimulto falis suben, malplimulto leviĝis super sia antaŭa kondiĉo. Tamen, ne estis ia Falo, neniu Malbona Genio forlogis. Kontraŭe. La Homaro estas unu, sendepende de la sekso, koloro aŭ raso de ĝiaj diversaj homaj atomoj. La Neebleco al Progreso sub materia ĉirkaŭaĵo de egaleco en brutaj kondiĉoj estis fatalo al la raso; aliflanke, la Ebleco al Progreso, sub materiaj kondiĉoj destinitaj konduki supren for el la universala bruta kondiĉaro, estis universala bonegaĵo.

Tiuj, kiuj sufiĉe fortis labori per la nova fera ilo, fariĝis aristokratio; tiuj, kiuj ne povis, falis suben. La splito, do, ne estis pro sekso, sed pro muskola forto.

Tiu estis la procedo, kiu, kune kun ĝia orkestrado, formis la klasojn, mastran kaj sklavan. Tiel perdis la Virino la pozicion de supereco, kiun la senkontraŭdira atesto pri la patrino-rajto-periodo en la plifruaj gentaj societoj pruvas kaj kiun ŝi iam ĝuis. La procedo, kune kun ĝiaj kialoj, montras nepre al la konkludo, ke la socia falo de Virino ne estis pro sekso, sed pro ŝia muskola malforteco, — falo, kiu estas partoprenita ankaŭ de la plej malfortaj el la vira sekso.

* * *

Armilo de la Klasluktado estas la Voĉrajto. La historio pri la Voĉrajto iĝas pli interesa al la Virina Movado kaj iĝas esenca al la ĝusta decido pri la politikaj problemoj, kiujn la Movado naskigas, nur post tiam, kiam la Voĉrajto ekkomencas ludi sian rolon en la moderna historio, t. e., kiam la Klasluktado mem estas spertinta gravajn ŝanĝojn. De post tiu tempo la Voĉrajto pligraviĝas, paŝon post paŝo, al la komprenado de la Virina Movado.

Uloj, konsciaj pri la vaporeco de siaj preferataj teorioj pri la taktika postularo de la moderna socia problemo, sentas, ke estas necese fabriki

faktojn, kiuj taŭgos al ili kaj apogos iliajn proprajn elvaporaĵojn. Ili amas rikani pri la Voĉrajto kiel "cedaĵo de la burĝaro". La Voĉrajto ne estas "cedaĵo" kaj tute ne de la burĝaro. La Voĉrajto ekzistis antaŭ la burĝaro mem, kaj longe antaŭ la tempo, kiam la burĝo sufiĉe fortis por ion "cedi". La Voĉrajto estas konkiraĵo de avancanta Civilizacio, tordita el la tenego de Tiraneco. En la serio de tiranaj klasoj ni renkontas la feŭdalan sinjoron; en la serio de tiranintaj klasoj ni renkontas la burĝaran; en la serio de klasluktadoj ni renkontas la luktadon inter la feŭdala sinjoro kaj la burĝo. Nia enketo pri la historio de la Voĉrajto bone povas komenci ĉe la burĝa Revolucio, en kiu ĝi ludis pligrandan kaj efektivan rolon ol iam antaŭe.

* * *

Se la Voĉrajto ekkomencus kaj finus ĉe la baloto, la plej granda ĝeno, kiun ĝi kaŭzas al la kapitalista klaso, estus kiel ŝtoneto en la ŝuo, — ĝenaĵo, nenio fatala. Tamen, la Voĉrajto ne ekkomencas kaj finas ĉe la baloto. La baloto nur estas incidento, la plejmalgrandaĵo en la Voĉrajto. La Voĉrajto signifas propagandon; propagando edukigas, edukado kristaliĝas en organizaĵon. Revolucia propagando kontraŭ Kapitalismo estas nefarebla, se ĝi ne okazas malkaŝe. La klaso interesata pri ĝi estas tro multnombra; tro multnombra eĉ la minimumo bezonata por la necesa organizaĵo, kiun nia Epoko postulas. Ĉi-nombroj ne povas esti atingataj kaj kunvenigataj en noktmezajn kunvenojn en kelojn, mansardojn aŭ boskojn, kaj la propagando ne povas esti farata per flustroj aŭ maskita lingvaĵo. La revolucia propagando kontraŭ la Kapitalismo povas esti farata nur tute malkaŝe, en lingvaĵo klara je sono, kaj klara je senco. Troviĝas nenia alia kampo ol la Voĉrajta por tiu propagando. Tio, kio estas rekonata kiel „politika agitado", — tio sole povas propagandi la Revolucion, kiel ĝi devas esti propagandata.

Nu, ni estas vidintaj, unuflanke, la voĉrajt-tenantan proletaron hodiaŭ ligitan kiel vosto al la politika flugludilo de la "Supra kapitalista klaso, kaj aliflanke, ni estas vidintaj la egan vanecon de la memstara politika baloto. Por eviti trapikon per unu aŭ alia korno de la dilemo, troviĝas nur unu vojo — uzi la oportunon, donitan de la Voĉrajto, por propagandi la Socialan Revolucion. Alivorte, fari tian propagandon, kiu edukigos, kaj tion farante, kristaligos en tian organizaĵon, kiu entenos la solan fizikan potencon, eblan al la proletaro, la ĉio-sufiĉan fizikan potencon, — ja, la fizikan potencon, kies muldo estas donita de la kapitalista socio mem, en tio, ke la muldo antaŭmontras la konstruaĵon de la Socialista Respubliko, — *la integrale industria organizaĵo de la proletaro.* La industria organizaĵo de la proletaro tranĉas, unuflanke, la ligilojn de ekonomia superstiĉo, kiu timigas la proletaran voĉdonon al subteno de la kapitalista klaso, kaj tial ebligas pacan solvon de la Socia Problemo; aliflanke, la industria organizaĵo de la proletaro estas la fizika socipotenco, kiu nuligos kapitalistklasan dumelektadan krimon.

Tio, kio naskiĝis la klasojn kaj klasregadon, nun postulas ilian forigon. La sistemo de klasoj kaj klasregado estis rimedo al celo, — rimedo al la celo eltiri la rason el la sulko de universala sovaĝa malhaveco. La celo estas atingita. Civilizitaj kondiĉoj, naskiĝitaj de riĉec-abundeco, produktebla sen dumviva kaj penega laboro, nun estas eblaj al ĉiuj. Kiam la celo estas atingita, la rimedo ne plu rajtas ekzisti. Kiam la rimedo postvivas la celatingon, je kiu ĝi estis uzata, ĝi perdas sian originan bonfaran karakteron; ĝi transformiĝas en dragilon al la realiĝo de la Celo mem. Paralele al la ebleco de universala bonhaveco, la pli granda sociparto restadas sube en la malnova sovaĝa stato de bruta laboro kaj malriĉeco. Socia maturеco postulas la forigon de Klasregado. La socia pulsado, celanta la forigon de Klasregado signifas Revolucion, — Socialan Revolucion. *Ĝi signifas la socialan revolucion de nia generacio.*

La programo de la Sociala Revolucio estas determinita: — Unue de la deviga streĉado de la raso al la rekapto de la bono provizore cedita por ebligi forlason de la malbono, kiu surŝarĝis ĝin; due, de la senerara instinkto de la raso pri neforlaso de la rimedoj, kiuj, evoluinte dum la marŝo al la Civilizita Celo, aŭ helpas, aŭ necesas, al la konservado de la Celo mem; trie, de la rasbonsenco, kiu distingas inter rimedoj de dumtempa kaj ĉiama utileco, kaj kiu, konservante la lastan, kaŭzas ĝin forĵeti tuj post eluzo; kaj kvare, de la ras-percepto de la novaj taŭgaj rimedoj, kiujn ĝi devas enkonduki de la revolucio mem.

La nuna tuta senokupeco de la reganta klaso, pravigo de kies naskiĝo troviĝis antaŭe en utila aktiveco, akcentas la tempon por ĝia tuta elradikigo, — la re-establigon de la pratempa komunisma demokrateco, kun Virino, kiel tiam, prenanta sian honoran lokon ĉe siaj viraj kuncivitanoj kaj emancipita fine, kune kun siaj viraj kunsklavoj, post multaj jarcentoj.

Tiu estas la Celo. Ĉu ĝi povas esti atingita por la Virino *per apelacioj por la voĉrajto al la registaro de la reganta klaso?*

La Virina Voĉrajto devas preni sian lokon kiel integrala splitaĵo el la torĉo, kiu lumigas la Vojon de la Sociala Revolucio.

Troviĝas nenio pli facila, nek pli malutila al la Movado, ol vidi la diferencojn inter Virino kaj Viro, — pro la sama kialo, ke troviĝas nenio pli facila, nek pli malutila al la Movado, ol eltrovi la diferencojn inter Nigrulo kaj Blankulo, ĉarpentisto kaj instruisto ktp. Pli malfacila kaj multe pli utila al la Movado estas eltrovi tion, kio povas esti identa al ĉiuj — ilian proletarecan karakteron. Tiu-ĉi estas utila eltrovo. Ĉarpentistoj, instruistoj, negro-laboristoj ktp. ne povas sukcesplene agitadi je sia aparta emancipiĝo kiel ĉarpentistoj, instruistoj, negro-laboristoj ktp., kaj pro tio ili devas unuiĝi laŭ la kondiĉo komuna al ĉiuj — ilia proletareca kondiĉo; — kaj precize pro la sama kialo la Virino devas preni, kiel bazon de sia emancipiĝo, la bazon komunan kun ŝiaj kunsklavoj — sian proletaran econ. La sekslinio, kiel metia, kolora, kreda kaj nacieca linioj, disrompas. La klaslinio solidigas revolucian potencon de nia generacio.

Mi finas kun la principo: — dum revoluciaj tempoj duonprotesto kontraŭ maljusteco malpligravigas la maljustecon kontraŭprotestatan; estas evidentaĵo dum revoluciaj tempoj, ke samdivenaj maljustaĵoj, ĉiuj maljustaĵoj radikantaj al la centra maljustaĵo, kiun la Revolucio kontraŭbatalas, kunfandiĝas kaj estas kune atakataj.

La Virina Movado devas rekoni tiun-ĉi principon kaj tiel gajni potencon, donante potencon al la Movado, al kiu ĝi apartenas, — la Movado, kiu instruadas al la Sociala Revolucio.

Tradukis el la angla — *D. Sherriff.*



# Biblioteko de Sennaciulo

Se vi deziras perfektiĝi en la scio de Esperanto, se vi deziras ekkoni la sennaciisman karakteron de SAT, legu la librojn eldonitajn de SAT-Kooperativo

Serio:

A **SCIENCA**

B **LITERATURA**

C **SOCI-POLITIKA**

**Administracio de SAT**
**Richard Lerchner, Colmsfasse 1**
**Leipzig O 27 (Germanio)**
**Poŝtĉek-Konto n-o 6835**

PETU PREZLISTON!

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)